# GERMANA ESPERANTISTO

Monata gazeto por la disvastigo de la lingvo Esperanto

# DER DEUTSCHE ESPERANTIST

Monatsschrift für die Verbreitung der Esperantosprache



## 10a Jarkolekto

**1913**

**Eldono B** (Literaturo)

Jara abonprezo 1.200 Sm.



Prova abono por 6 monatoj 0.600 Sm.
Unu numero kostas 0.125 Sm.



## 10. Jahrgang

**1913**

**Ausgabe B** (Literatur)

Preis pro Jahr 2.40 Mark



Probe-Abonnement für 6 Monate 1.20 M.
Einzelne Nummer 0.25 M.



Redakcio kaj administracio:
**Ader & Borel** G. m. b. H., Esperanto-Verlag, **Dresden-A. 1**
**Struvestraße 40**

# Tabelo de enhavo.

(La artikoloj markitaj per steleto estas ilustritaj.)

## Ĝeneralaj artikoloj.



## Beletristiko.

### 1. Prozo.

## 2. Poezio.



## Pri kongresoj.



## Por lernantoj kaj komencantoj.

## El la vivo kaj sciencoj.



## Lingvaj demandoj.



## Diversaj artikoloj kaj rubrikoj.

# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Oficiala Organo de
**Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)**
kaj de aliaj esperantistaj unuiĝoj.

Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj:
**Eldono A (Propagando) — Eldono B (Literaturo).**



Offizielles Organ des
**Deutschen Esperanto-Bundes E. V.**
und anderer Esperantisten-Vereinigungen.

Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben:
**Ausgabe A (Propaganda) — Ausgabe B (Literatur).**

**Abonprezo:** por jaro 2.400 Sm (Provabono por duonjaro, komenciĝanta en Januaro kaj Julio, 1.200 Sm) Ĉiu eldono aparte: 1.200 Sm (0.600 Sm). **Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo.

**Bezugspreis:** für ein Jahr 4.80 M. (Probeabonnement für ein Halbjahr, beginnend im Januar und Juli, 2.40 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2.40 M. (1.20 M.). **Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

**Redaktoro: Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wissmannstr. 46**

**Alsenditajn artikolojn la redakcio laŭ bezono korektas. Nepresitajn manuskriptojn ni redonas nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo.**

**10ª Jaro No. 1 B** | **Eldonejo kaj Redakcio: Dresden-A. 1, Struvestr. 40** | **Januaro 1913**

## Bonvolu atenti!

**Pro kelkaj plendoj al ni pri tro malfrua ricevo de la lastaj numeroj de G. E. ni devas deklari, ke nia gazeto ĝenerale eliras akurate je la datoj, fiksitaj por ambaŭ eldonoj. Do ni ne estas kulpaj pri prokrastoj; kie ili okazas, oni bonvolu plendi pri tio ĉe sia poŝtoficejo aŭ — ĉe la grupa dissendanto, al kiu ni kune sendas la ekzemplerojn por ĉiuj membroj de la koncerna grupo.**

***Eldonejo de Germana Esperantisto.***

---

## Feliĉan novan jaron

deziris al ni multaj legantoj kaj kunlaborantoj. Al ĉiuj ni kore dankas pro ilia afableco, kaj sincere ni ripetas ĉi tie niajn bondezirojn kaj esperojn, kiujn ni jam esprimis en eldono A. Tie ni ankaŭ jam diris, ke ni kuraĝe kaj esperplene komencas la novan jaron, en kiu aperos la deka jarkolekto de Germana Esperantisto.

Se ni, en tiu ĉi jubilea jaro, rerigardas al la pasintaj, ni de jaro al jaro povas konstati la ĝojigan disvolviĝon de nia gazeto. El modesta folieto ĝi iom post iom plivastiĝis al sia nuna amplekso, kaj kun tio ankaŭ ĝojige kreskis la abonantaro kaj la graveco de nia jurnalo. Sed kune kun la progresoj de G. E. ni devas ankaŭ mencii tiun viron, al kiu G.E. unuavice ŝuldas sian evoluon. Estas nia altŝatata S-ro Jean Borel, kiu senlace kaj ĉiam sindone laboris kaj zorgis por la verko de li kreita. Kun lerta mano li kondukis la boaton de sia gazeto ĉirkaŭ la danĝeraj rokoj de l' mondlingva maro, ĉiam sekvante nur la helbrilan stelon de Esperanto. La nuna redakcio havas pli facilan laboron, ĉar ĝi eniris la vojon, bone pretiĝitan de sia estimata antaŭulo. Tiun ĉi vojon, kiu ĝis nun estis tiel sukcesdona, ni sekvos ankaŭ en estonteco, ĉiam klopodante fari nian gazeton interesa kaj leginda. Speciale ni atentigas pri tio, ke eldono B, laŭ deziro de multaj legantoj, de nun aperos nur en Esperanto, kaj ke ĝi, kiel ni jam anoncis, en ĉiu numero enhavos ilustrajojn.

*Germana Esperantisto.*

## Nova kunigo de kumunaj interesoj.

Post kiam ni jam en la pasinta jaro interkonsentis kun la eldonejo de *La Esperantisto* pri la kunigo de tiu gazeto kun la nia, nun ankaŭ la eldonejo kaj redakcio de *Germana Esperanto-Gazeto* konsideras ĝin rekomendinda en la intereso de la germana Esperanto-movado, ke ankaŭ la aparta aperado de ilia gazeto provizore ĉesu. Pro tio G. E. G. same transiras al ni, kaj ĝiaj eldonejo kaj redakcio rekomendas al ĉiuj siaj abonantoj la abonon je la oficiala organo de Germana Esperanto-Asocio, *Germana Esperantisto.* Per tio la Magdeburg'a eldonejo kaj ĝiaj konataj kunlaborantoj havos pli bonan okazon, okupi sin kun speciala zorgeco pri la libroforma eldonado de la troviĝanta ĉe ili materialo.

Plua kaŭzo por la arango de la dirita kunigo estis, ke per ĝi la interrilatoj inter la germana Esperanta gazetaro kaj la estraro de la asocio fariĝas ankoraŭ pli intimaj.

Do *La Esperantisto* same kiel *Germana Esperanto-Gazeto* plene kunfundiĝis kun nia

jurnalo, kiu poste kiel antaŭe aperos nur sub la sola titolo **Germana Esperantisto.**

Ni forte esperas, ke la germana esperantistaro bone akceptos ĉi tiun aĝon de solidareco, kiu estas nepre necesa por la progreso de nia movado, kaj ke ĝi same unuanime kaj aĝeme subtenos niajn klopodojn. Precipe ni esperas, ke la ĝisnunaj legantoj de la ambaŭ transiĝintaj al ni gazetoj nun ankaŭ al nia jurnalo dediĉos sian intereson kaj ĝin montros per tio, ke ili ne nur abonas *Germana Esperantisto'n*, sed ankaŭ rekomendos ĝin en pli vastaj rondoj.

**Eldonejo kaj redakcio de Germana Esperantisto.**

## Surd-mutaj blinduloj.

Kiom da doloroj esprimitaj per tiuj ĉi tri vortoj! La koro premiĝas, kiam oni pensas, ke povas ekzisti suferantoj de tiuj tri malfeliĉoj samtempe. Kaj da ili ekzistas en la mondo pli multe ol oni ĝenerale kredas.

Ĉiu konas laŭ la nomo Helen Keller, kiu kvankam senigita de l' vido kaj aŭdo sukcesis, dank' al mirinda inteligento kaj ekstreme favoraj cirkonstancoj personaj, leviĝi al neordinara intelekta kulturo. Ŝia okazo ne estas unika, kiel multaj personoj kredas; la simpatia amerikanino Helen Keller havas bedaŭrinde multajn samsuferulojn, kaj ili ne estas same privilegiitaj, kiel ŝi laŭ vidpunkto de l' inteligento kaj de la mona feliĉo. Tiuj malfeliĉuloj ne faras multan bruon en la mondo, kaj oni malatentas ilin. Sed ĉu ili ne meritas rigardon de intereso kaj kompato?

Nur dum la lastaj jaroj oni precize konsciis en Germanujo pri la graveco de tiu malfeliĉo, post kiam la granda instituto *„Oberlinhaus“* en Nowawes apud Potsdam akceptis du aŭ tri surdmutajn blindulojn kaj aranĝis por ili specialan instruadon. Baldaŭ oni havis dek lernantojn, poste dudek. Nun la dometo, kie ili loĝas, kaj kiu entenas 25 da ili, estas plenplena kaj tute ne sufiĉas por kontentigi la multajn petojn pri akcepto, kiuj alvenas el ĉiuj landpartoj. Pro tio oni jus konstruis novan, bonege instalitan domon, en kiu 60 surd-mutaj blinduloj povos eklogi.

La *„Oberlinhaus“* de Nowawes, nomita laŭ la fama elzasa pastro, instiginto de tiom da filantropiaj entreprenoj, estas destinita por eduki kaj instrui kriplajn infanojn, kiuj pro siaj korpaj difektoj ne povas viziti la publikajn lernejojn. Tiuj infanoj, senhelpe forlasitaj al siaj familioj, estus plej ofte malzorgitaj kaj fine devus esti subtenataj per publika bonfaremo. La *„Oberlinhaus“* celas fari el ili utilajn homojn, kapablajn vivteni sin, donante al ili okazon lerni metion, kiu respondas al iliaj kapabloj fizikaj kaj spiritaj. En specialaj laborejoj kaj direktitaj de sindonaj personoj, ili povas, laŭ siaj kapabloj, fariĝi tajloroj, ŝuistoj, korbofaristoj, teksistoj, desegnistoj, litografiistoj ktp. Al la knabinoj oni instruas virinajn laborojn.

Interese estas, vidi ĉe la laboro ĉiujn tiujn kompatindajn kriplulojn, lamajn aŭ unubrakajn; oni miras vidante, kian gradon de lerteco ili atingas. Ili finas sian lernotempon, farante sian provpecon aŭ ĉefverkon, kaj tiam ili facile trovas okupadon, kiu permesas al ili sendepende vivi.

Sed ni revenu al la fakdomo de la blindaj surd-mutuloj, kiu en tiu granda institucio estas precipe interesa entrepreno. Mi vizitis ĝin antaŭ nelonge, kondukita de la afabla supera estrino de l' *Oberlinhaus*.

Escepte similan azilon en Svedujo, ekzistas, laŭ tio, kion oni diris al mi, neniu alia instituto speciale por blindaj surd-mutuloj, kaj tiu de Nowawes estos modelo por tiuj konstruotaj en Aŭstrio kaj Rusujo. Ĝi estas bedaŭrinde tro malmulte konata ekster Germanujo, kvankam oni akceptas en ĝi lernantojn el eksterlando, kiel el Germanujo.

Ĉiuj lernantoj de *Oberlinhaus* ne estas denaske surdaj kaj blindaj, la plimulto fariĝis tia sekve de malsano. Ankaŭ ne ĉiuj suferas pri blindeco kaj surdeco samgrade; kelkaj estas tute surdaj kaj iomete vidas, aliaj estas tute blindaj kaj iomete aŭdas. Du aŭ tri estas spirite malfortaj, sed la ceteraj estas sufiĉe inteligentaj kaj lernas paroli, legi kaj labori. La infanoj, kies aŭda aŭ vida difekto fariĝis, post kiam ili atingis certan aĝon, estas kompreneble la plej kompatindaj, ĉar ili konscias pri tio, kio al ili mankas. Kaj kiom malĝoja estas ilia situacio! Kvazaŭ entombigitaj en mallumo kaj silento eternaj, ili estas izolitaj de la ekstera mondo kaj povas komunikiĝi kun ĝi nur per la palpado.

Granda pacienco kaj sindono estas necesaj por instrui al ili la plej elementajn aferojn, kaj ĉiu lernanto devas esti instruata aparte.

„En la komenco, mi ne havis sperton,“ diris al mi la unua instruistino, „sed oni baldaŭ akiras kutimon por tiu instruado. Jen kiel mi procedas kun infano tute senigita de vido kaj aŭdo: Mi igas lin palpi ian objekton, pilkon ekzemple, kaj per la alfabeto de la fingroj premitaj diversmaniere en lia mano, mi formas la vorton pilko (germane *Ball*). Mi faras la samon kun ringo *(Ring)*. La infano rimarkas la diferencon inter la du en lia mano formitaj vortoj *Ball* kaj *Ring* kaj iom post iom komprenas, ke ĉiu vorto rilatas specialan objekton. Tiam mi instruas al li, formi mem tiujn ĉi vortojn per la fingroj. La plej granda malfacilaĵo estas, instrui al li la buŝan elparolon de tiuj vortoj. La surd-

mutuloj, kiuj vidas, povas distingi la movon de la lipoj, kaj de la lango, kaj tio tre faciligas al ili la imitadon de tiuj movoj kaj la komprenon de la parolado. Miaj lernantoj devas palpi tiujn movojn, metante sian manon sur mian buŝon kaj sur mian gorĝon. Sed ĝis kiam ili sukcesas imiti la movojn, eligante la ĝustan sonon, tio daŭras semajnojn kaj monatojn".

Tuj kiam ili povas iom kompreni kaj paroli, oni instruas al ili, legi la reliefan skribon laŭ sistemo Braille, kiu estas komuna al ĉiuj blinduloj. Granda progreso estas farita, kiam la lernantoj sukcesas kompreni unu la alian per la fingra lingvo; la instruado fariĝas reciproka, kaj tio plifaciligas la taskon de la instruantoj. Oni instruas al ili ankaŭ manlaborojn, nome la teksadon kaj la plektadon de pajlo.

Kiam mi alvenis ĉe la blindaj surd-mutuloj, ili estis ludantaj en la korto destinita por ili. La estrino venigis kelkajn el ili, por ilin prezenti al mi. Mi unue konatiĝis kun dek-kvar-jara knabino, beleta blondulino, al kiu mi faris kelkajn demandojn, pere de la instruistino, kaj mi miris pri ŝiaj trafaj respondoj kaj pri la klareco de ŝia elparolo.

Alia lernanto, knabo, iom pli maljuna, sed ne tiel inteligenta, faris pri mi multajn demandojn. Kun mia konsento li palpis min de kapo ĝis piedoj kaj volis ekscii mian aĝon, la koloron de miaj haroj, la metalon de mia poŝhorloĝa ĉeno. La sekvanta dialago montros iom la spiritogradon de tiu infano:

— El kio konsistas S-ro B.?, li demandis la estrinon.

— Li estas homo.

— Mi scias, sed el kio li konsistas?

— Kion vi volas diri? Parolu pli klare!

— Mi dezirus scii, ĉu li havas edzinon kaj infanojn.

— Ne.

— Ĉu li ankoraŭ havas siajn gepatrojn?

— Ne, ili estas mortintaj.

— Li do estas tute sola?

— Jes.

— Ĉu li ne estas tre malĝoja?

— Ofte.

Tiam la kara, malfeliĉa infano serĉis mian manon kaj karesis ĝin en tia kompatema maniero, ke mi estis profunde kortuŝita.

Kia leciono por ni privilegiuloj, kiuj povas vidi kaj aŭdi, estas tiu simpatio de estajo, tiel kruele frapita de la naturo, kontraŭ nekonatulo, kiun li nek vidas, nek aŭdas!

Se la tasko de la instruistoj de tiuj malfeliĉuloj estas malfacila kaj ofte sensukcesa, ĝi kompense estas riĉeĝe rekompencita, kiam la inteligento de l' infanoj komencas malfermiĝi kaj komunikiĝi kun la ekstera mondo. Ili sentas grandan ĝojon dum ili rimarkas sian kapablon, esprimi novajn pensojn kaj esti komprenataj. Tre forta estas ilia deziro, lerni ion novan kaj ilia sindonemo al la persono, kiu ilin edukis, estas tiom pli granda, ke ili estis pli dependaj de tiu persono.

Laŭ la informoj kolektitaj de l' *Oberlinhaus*, la nombro de la surd-mutaj blinduloj en Germanujo estas proksimume 500. Supozeble ekzistas proksimume sama proporcio da ili en aliaj landoj. Bedaŭrinde oni tro ofte malatentas la efektivan malbonon, pri kiu suferas tiuj infanoj, kiujn oni opinias esti idiotaj. Ili senprogrese vivetas en siaj familioj aŭ en aziloj por frenezuloj, dum ili, per laŭcela edukado, povus bonege malvolviĝi spirite.

Certe restas ankoraŭ multe por fari en la mondo sur tiu kampo, kaj pro tio la entrepreno de l' *Oberlinhaus* en Nowawes apud Berlin meritas altiri la atenton de ĉiuj homoj, kiuj interesiĝas pri la sorto de la surd-mutaj blinduloj.

*Jean Borel.*

## Interesa vizito.

La kuniĝo de la du firmoj *Esperanto-Verlag Möller & Borel* kaj *Friedrich Ader* en la komuna entrepreno *Ader & Borel G. m. b. H.*, Dresden, estas bone akceptita de la esperantistaro. Ne nur la germanaj samideanoj ĝojis pri la kunfandiĝo de sia plej malnova kaj ŝatata Esperanta eldonejo kun ekflorinta pli nova, sed ankaŭ el eksterlando la nova firmo ricevis multeĝe da gratuloj pro la prudenta komunigo de samcelaj fortoj en unu, bone fondita entrepreno.

La intereso, kiun la esperantistaro tiamaniere montris al la nova firmo, instigas min, proponi al vi, karaj legantoj de G. E., viziton al la eldonejo Ader & Borel en Dresden; mi supozas, ke vi sentas la deziron, ekscii ion detalan pri la firmo kaj vidi la administrejon, el kiu via gazeto eliras. Sen ŝanceliĝo vi povas sekvi min; la vojaĝo ne estas streĉa, nek multekosta: vi bezonas nur iom da tempo kaj imagokapablo.

Do imagu, ke ni per vagonaro alvenis en la ĉefstacidomo de Dresden. Forlasinte la imponan konstruaĵon, ni turnas nin maldekstren, por eniri la Prager-straton, t. e. la ĉefstrato, kiu kondukas de la stacidomo rekte en la koron de la bela saksa ĉefurbo. Unu, du transversajn stratojn ni preterpasas, sed ĉe la tria dekstre ni vidas ŝildon, kiu montras al ni la Struve-straton. Ĝin ni laŭiras sur la dekstra flanko ĝis la fino, kaj ĝuste de sur la lasta domo renkontenbrilas al ni granda ŝildo, sciiganta, ke ni staras antaŭ la domo, en kies teretaĝo troviĝas la oficejo de la firmo




Bildo 1a: Ekstera vidajo de la oficejo.

Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag (Bildo 1a).[1] Ni eniras.

Sufiĉe longa koridoro akceptas nin, kaj tuj ni vidas, ke ni estas en esperantista entrepreno, ĉar sur la pordoj, elirantaj al la koridoro, ni legas Esperantajn surskribojn: Ne eniru! diras du el ili, dum du aliaj montras al ni la enirojn al la privata kontoro de la direktoro kaj al la ĝenerala oficejo. Ni malfermas la pordon de la lasta kaj trovas nin en granda, trifenestra ĉambro, bone aranĝita, en kiu estas farataj la ĝeneralaj laboroj, kaj kiu ankaŭ servas kiel vendejo (Bildo 2a). Estas la deka matene, kaj la diligentaj oficistinoj laboras pri la plenumo de la poŝtajoj, matene alvenintaj. Do ni ne volas malhelpi ilin, sed nur iom ĉirkaŭrigardi, por bone konservi en nia memoro la ricevitan impreson. Kaj ho, kia ĝojo! Malfermiĝas la pordo kaj eniras altŝatata konatulino: nia S-ino Hankel, la prezidantino de Esperantista Literatura Asocio, akompanata de S-ino Ader, la simpatia edzino de la direktoro. S-ino Hankel ofte vizitas la oficejon, por informiĝi pri libraj novaperajoj kaj pri aliaj Esperantaj aferoj, ĉar ĉe la firmo A. & B. estas ankaŭ la oficiala informejo de Germana Esperanto-Asocio kaj la propaganda centro por Germanujo. Hodiaŭ ŝi interesiĝas pri novaj libroj, kiujn la juna oficistino montras al ŝi el la provizo de la eldonajoj de Hachette & Cie., Paris, kies sola reprezentanto por Germanujo la firmo A. & B. estas. Agrabla kaj vigla babilado komenciĝas, ĝis kiam subite aŭdiĝas malkontenta grumblado, venanta el la dekstra angulo de la ĉambro. Ho ve, tie ja sidas la redaktoro de nia gazeto, S-ro Ellersiek, kiun ni malhelpas per nia babilado en lia grava laboro! Li provizore stariĝis sian hejmon en Dresden, por helpi en la aranĝoj de la nova entrepreno, ĝis kiam ĉio bone funkcias. Li estas okupita pri redakciaj laboroj. Kun severa mieno li tralegas manuskripton, ŝanceliĝante, ĉu li povas akcepti ĝin por enpreso en G. E., aŭ — ĉu li devas ĝin jeti en la starantan apud li grandan redakcian paperkorbon, kiu ankoraŭ havas sufiĉe da loko, por akcepti pli da netaŭgaj manuskriptoj. Vi estas prava, sinjoro redaktoro, komerca oficejo kaj redaktejo ne estas konvenaj lokoj por senutilaj babiladoj; ni tute ne koleras pri via protesto kaj eliros, por rigardi la aliajn ĉambrojn.

En la ĉambro dekstre apud la jus vidita kontoro troviĝas la ĉefa tenejo. En longaj vicoj staras tie la multnombraj libroj, haveblaj

[1] Vizitantoj, kiuj jam konas la urbon, povas elekti pli mallongan vojon tra Lüttichau-strato, kiu eliras de Wiener-placo, antaŭ la stacidomo.

Bildo 2a: Ĉefa kontoro kaj vendejo.

ĉe la firmo. Ili estas bone ordiĝitaj en grandaj bretaroj, kiuj kovras ĉiujn disponeblajn murojn de la planko ĝis la plafono (Bildo 3a). Tiu ĉi ĉambro estas ankaŭ la ekspedejo, en kiu estas pretigataj la forsendotajoj, kompreneble ankaŭ Germana Esperantisto. Krom tiu ĉi tenejo la firmo havas ankoraŭ provizejon en apuda granda kamero, en kiu kuŝas la rezervoj de propraj eldonaĵoj. Ni ne povas enrigardi ĝin, ĉar ĝi estas malluma.



Bildo 3a: Tenejo kaj ekspedejo.



Bildo 4a: Privata kontoro.

Ĝis nun ni vidis nur la „publikajn“ ĉambrojn; sed ni ne povas foriri, antaŭ ol ni ankaŭ jetis rigardon en la sanktejon, t. e. la privata kontoro de la direktoro. Do, ni kuraĝas eniri; S-ro Ader estas afabla homo, kiu certe ne koleros pri nia scivolemo. Ni ĝuste envenas en la sufiĉe vastan, kaj, laŭ sia destino, gustoplene instalitan ĉambron en momento, kiam tie okazas grava afero (Bildo 4a). Sur la sofo ĉe la tablo sidas S-ro von Frenckell, la laborema nova sekretario kaj aganta prezidanto de la germana asocio, kaj priparolas kun la redaktoro la denove farotan kontrakton pri G. E. kiel oficiala organo de la asocio. Kun atendoplena mieno S-ro Ader, sidanta ĉe sia skribotablo, sekvas la traktadon. Ofte li devas kontraŭdiri la proponojn de la du aliaj sinjoroj, ĉar ili havas, kio ja estas komprenebla, siajn proprajn ideojn, kiuj ne ĉiam akordiĝas kun la eldonistaj interesoj. Sed fine, dank' al la bona spirito, kiun eligas la granda pentrita portreto de nia kara Majstro, pendanta super la sofo, ambaŭ partioj pace interkonsentas pri la grava dokumento, kaj paragrafon post paragrafo la direktoro diktas ĝin al la skribmaŝinistino por definitiva subskribo.

Nun, karaj akompanantoj, ni devas fini nian viziton; ĝi havigis al vi interesan enrigardon en la oficejon kaj la funkciadon de unu el la plej gravaj entreprenoj esperantistaj. Ni forlasas ĝin kun la sento, ke la germana esperantistaro havas en ĝi fortan helpanton, kiu, sufiĉe subtenata de la samideanoj, povas efike progresigi nian movadon. Do ni esperu, ke la firmo Ader & Borel floros kaj prosperos por la bono de nia afero!

Ĝis la revido! La proksiman monaton mi gvidos vin tra alia entrepreno en Dresden, en kiu nia lingvo ankaŭ ludas gravan rolon.

*Piloto.*

## Abrskil (Prometeo).

Abĥaza legendo.

Dum antikva tempo en Abĥazujo loĝis belega knabino, filino de fama kaj riĉa familio, kiu jam de infaneco promesis al Dio resti virgulino. La gepatroj tre ĝojis, ke ilia filino sin dediĉis al la diservado kaj preĝado. Post kelke da jaroj la filino gravediĝis. Ĉi tiu cirkonstanco ne ĉagrenis la gepatrojn, ĉar ili estis certaj, ke ilia filino estis graveda pere de Supera Forto. La virino naskis knabon. Tiu ĉi knabo kreskis tre rapide. Kiam li fariĝis dekjara, li estis vera viro laŭ aspekto kaj fortoj, lerteco kaj maltimo. Oni nomis la knabon Abrskil. Abrskil baldaŭ akiris al si gloron en la tuta Abĥazujo per sia kuraĝego kaj vireco kaj per protektado de vidvinoj, orfoj kaj prematoj. La famo pri lia gloro sin etendis tra la tuta tero kaj la malamikoj de Abĥazujo pro timo al Abrskil jam ne kuraĝis transpaŝi ĝiajn montojn kaj valojn. En tempo de Abrskil la glavoj de la malamikoj de Abhazujo rustiĝis en la glavingoj, neniu kuraĝis uzi ilin kontraŭ la lando. Tial ĉiu abĥazo, ĉu juna ĉu maljuna, riĉa aŭ malriĉa, viro aŭ virino, princo, nobelo aŭ vilaĝano, serĉis la proksimiĝon, parenciĝon kun Abrskil, por sentime, ŝirmite vivadi sub lia gloro, tiom enviata de la malamikoj. Dum la vivo de Akrskil la pentrinda Abĥazujo, dank' al lia potenco defendita kaj gardita kontraŭ malamika enpenetro kaj detruo, floris kaj kreskis laŭlarĝe kaj laŭlonĝe. En lia tempo la abĥazoj estis defenditaj kaj garditaj kontraŭ hejmaj malbonintencaj homoj kaj herboj. Kie la heroo trovis homojn kun flav-cindrokoloraj okuloj, li tuj mortigis ilin, ĉar ili povis per siaj malbonkaŭzantaj okuloj veneni la popolon. Por la sama celo li forigis el la mondo la familiojn de Aŝoba kaj Kacva, kiuj estis plenaj de malĉasto; same li ekstermis la venenajn kreskajojn, por ke neniu povu havi ilin. Ekzemple li ne lasis ĝermi la filikon. Dum lia benita tempo la bovinoj kaj bubalinoj estis melkataj trifoje ĉiutage, la kaprinoj kvar aŭ kvin fojojn en tago, ĉar ĉiuj kampoj estis ornamitaj per belegaj, ondetantaj herboj, sed ne per filiko, nek per herbaĉoj, malutilaj por la brutaro. Lia famo sin etendis tra la tuta tero, kaj la fortegaj malamikoj celadis proksimiĝon kaj ligiĝon kun li. Ĉiuj glorigis lin. Per ĉio ĉi tio Abrskil ekkonsideris sin egala al Dio kaj komencis en ĉio malobei Sinjoron. Li konsideris Dion sia egalulo kaj kamarado, sed ne estro. Imagu, Abrskil ne trairis sub vinberujo interplektita inter du arboj, se estis ne eble trairi sen kliniĝo. „Se mi kliniĝus, — diris la heroo — Dio opinius, ke mi salutas lin!“ Tial li detruadis tian vinberujon, kie li nur trovis ĝin. Multajn penojn kaj rimedojn uzis Dio, por prudentigi Abrskilon, kaj igi lin respekti Lin, sed vane. Tiam, kolerigita pri la obstina heroo, la Kreinto ordonis al siaj anĝeloj kapti Abrskilon, ĵeti lin ligitan, enĉenigitan en abismon kaj terure turmenti lin, ĝis kiam li prudentiĝos kaj honoros Dion.

Kaj la anĝeloj ekkomencis plenumi la Dian ordonon. Apenaŭ tion aŭdis Abrskil, li tuj elektis du sendanĝerajn rifuĝejojn: unu estis sur monta pinto kaj la alia borde de la Nigra maro. Ĉi tie en unu el la rifuĝejoj ripozis la heroo mem kun sia belĉevalo, dum alvenis la anĝeloj lin kaptontaj. Kiam ili alproksimiĝis, li ĉiufoje eksidis sur sian fidelan belĉevalon, kiu per unu salto transiĝis sur la alian rifuĝlokon. Ĉi tie li ree ripozis ĝis la alveno de la anĝeloj.

Kaj kiam tiuj lastaj alproksimiĝis al li, li ree ekaperis en la unua loko. Ne povante plenumi la Dian ordonon, kaj pro tio treege ĉagrenitaj, la anĝeloj sin turnis por helpo al sorĉistino-maljunulino,*) laŭ kies konsilo ili sternis sur unu el la rifuĝejoj, de Abrskil elektitaj, bovajn ledojn, dense ŝmiritajn per sebo. Ili mem dividiĝis je du grupoj; unu areto sin kaŝis proksime de la ledoj en arbetaro, la dua sin puŝis al Abrskil. Kiam, timigita de la unu areto, Abrskil saltigis sian belĉevalon kaj alteriĝis sur la trasebitaj ledoj, la piedoj de la belĉevalo elglitis, ĝi falis, kaj dejetis sian rajdanton. Tuj alkuris la anĝeloj kaj ŝnurligis Abrskilon, la heroon, kies egalulo ankoraŭ ne aperis sub la ĉielo. Granda malĝojo ekregis la tutan Abĥazujon pro la kapto de l' amata kaj fidela gardanto de ĝiaj feliĉaj tagoj, tre malĝojiĝis la lando, sed kion oni povis fari?! Sian malĝojon-suferon ĝi esprimis per fluantaj larmoj, nur per ploregо ĝi iom trankviliĝis sin. Ĉiuj ploris, frotis la vizaĝon kaj plendis: kiun havos nun la malfeliĉa Abĥazujo anstataŭ Abrskil, kaj kiu ĝin defendos kontraŭ bestiĝintaj malamikoj?! Kiajn rimedojn oni ne uzis por liberigo de Abrskil, sed vane! . . . . Kiu kontraŭstarus Dion?!

Ĉiuj estis malĝojigitaj per la kapto de Abrskil, krom Aŝoba kaj Kacva, kaj krom la homoj kun flavcindrokoloraj okuloj. La tuta naturo priploris la perdon de l' heroo, krom filiko kaj malbonkaŭzantaj kreskajoj. — La anĝeloj laŭ konsilo de la sama maljunulino enkondukis la belĉevalon en la plej profundan kavernon. En tiu kaverno ili enfosis en la tero grandiozan feran kolonon, al kiu estas alligita per grandegaj ĉenoj la Abĥazuja kavaliro. Tie apude, proksime de li, kuŝas granda martelo. Tie en la kaverno estas alligita ankaŭ la belĉevalo de Abrskil, al kiu de Dio estas destinita por manĝo la ŝtalo.

La Sinjoro starigis kiel gardanton por Abrskil malgrandan birdon. Kiam la punata heroo tiom elskuis la kolonon, ke nur lasta tiro estas necesa, por eltiri ĝin el la tero, tiam la birdeto eksidas sur la pinto de l' kolono, la treege lacigita heroo koleriĝas kaj el tuta forto svingas la martelon por mortigi la birdeton; la birdeto lerte forglitas, sed la martelo batiĝas sur la kolonon, kiu denove enprofundiĝas fortike en la teron. Jen, tiel turmentiĝas Abrskil ĝis hodiaŭ en tiu kaverno. Nuntempe lin suferigas ne tiom lia propra malfeliĉo, kiom la malfeliĉa stato de Abĥazujo.

Foje la respektantoj de Abrskil iris por lin liberigi. Ili kunprenis dek du azenojn, plenŝarĝitajn je kandeloj, per kiuj ili lumigis al si la vojon en la kaverno. Helpe de tiuj kandeloj ĉi tiuj sinoferemaj abĥazoj tiel alproksimiĝis al li, ke ili aŭdis lian voĉon. En tiu momento la kandeloj elĉerpiĝis en iliaj manoj. Ili plendis pri tio al Abrskil. Li klarigis al la abĥazoj, ke veni al li absolute ne estas eble, „ĉar laŭ ordono Dia mi malproksimiĝas de vi tiom, kiom vi alproksimiĝas al mi"; tial li konsilis al ili, reiri hejmen.

— Ni ne havas kandelojn, kiamaniere ni reiru? Ni ne plu povos heligi al ni la vojon! plendis ili. Tiam Abrskil konsilis, forsendi la azenojn antaŭen, kaj sekvi ilin.

La heroo ne povis reteni sin kaj demandis pri la stato de Abĥazujo. Li demandis: ĉu ree multobliĝis Aŝoba kaj Kacva, la homoj kun flavkoloraj okuloj? Ĉu ree multobliĝis filiko kaj malbonaj herboj, ne permesantaj la kreskon de l'utilaj kreskaĵoj? Ĉu ankoraŭ la bovinoj kaj bubalinoj estas melkataj trifoje potaĝe, kaj kvinfoje la kaprinoj? Ĉu eksteraj malamikoj ree maltrankviligas Abĥazujon, kiel ili maltrankviligis ĝin antaŭ mia naskiĝo?

Kiam la abĥazoj rakontis al Abrskil pri la nuntempa senespera stato de Abĥazujo, li maldolĉe diris: „Plu nenion diru al mi pri mia amata Abĥazujo! Mi ne povas pli aŭskulti kaj suferi!" La heroo por eterne klinis la kapon kaj sin donis al malĝojo, ke li ne povas helpi Abĥazujon.

La azenoj bone elkondukis la abĥazojn en la lumon.

*El kartvela lingvo esperantigis*
*Gjorgi Bakradze. (Vladikaŭkaz.)*

**Noto:** Kartvela estas komuna nomo de la lingvoj hiberia, svana kaj „kartluri", inter kiuj tiu lasta ludas la rolon de ĉefa literatura lingvo. Aliaj idiomoj samfamiliaj estas ankoraŭ guriana, „moĥenri", „pŝavluri" ktp. *Laŭ la trad.*

---

Interrilatoj de anĝeloj kun sorĉistinoj ridigos la legantojn, sed oni devas atenti, ke la religio de la montaraj Abĥazoj prezentas sufiĉe komplikitan miksaĵon de kristana, mahometana kaj idola religioj.
*Trad. rim.*

## Wilhelm Foerster.

La portanto de tiu ĉi nomo, la fama astronomo sekreta konsilisto Profesoro Dro Wilhelm Foerster, Berlin, festis la 16an de Decembro pasinta sian 80an naskiĝtagon. Tiu ĉi jubileo estas bona okazo, por iom paroli pri la afabla maljunulo, kiu ne nur en la internacia sciencularo, sed ankaŭ en la esperantistaro estas alte ŝatata persono.

Prof. Foerster estas unu el la plej honorindaj scienculoj. Li apartenas al tiuj el siaj kolegoj, kiuj per sia personeco kaj dank' al sia

nobla karaktero, sekvanta ĉiam la plej altajn idealojn, akiris bonan reputacion vaste trans la limoj de sia speciala fako. Pricipe kiel iama direktoro de l' Berlin'a observatorio, Prof. Foerster estas alte ŝatata en Germanujo same kiel en eksterlando kiel nobla, kuraĝa kaj senlaca pioniro de ĉiuj etikaj kaj science-humanaj celadoj. Ĝuste tiun ĉi indiĝan agadon sur etika kampo, kiu antaŭ ĉio esprimiĝis en la partopreno de Prof. Foerster en la „Germana societo por etika kulturo", kies unua prezidanto li estis, oni akceptis en certaj altaj rondoj kun granda malplaĉo.

Wilhelm Foerster devenas el Silezio. Li naskiĝis en la jaro 1832 en Grünberg, kiel filo de estimata drapfabrikanto, kaj studis, post tralerno de la gimnazio, astronomion kaj matematikon en la universitatoj de Berlin kaj Bonn. Jam kiel tre juna homo li fariĝis asistanto de la fama astronomo Encke ĉe la Berlin'a observatorio, kaj pro siaj rimarkindaj sciencaj kapabloj li poste estis ties anstataŭanto dum lia malsano, ĝis li, post la morto de Encke en 1865, estis elektata direktoro de la reĝa observatorio ĉe la Encke-placo en Berlin.

Precipe la urbo Berlin ŝuldas al la multflanke aganta kaj senlaca scienculo la enkondukon de la normalhorloĝoj, reguligataj de la observatorio, kaj la fondon de la konata popole-scienca societo „Urania", por kiu li fervorege laboris. Ankaŭ inter la fondintoj de la akcia societo „Schillertheater", kiu estis fondata en 1894, Wilhelm Foerster staras en unua vico, kaj ankoraŭ hodiaŭ la maljuna scienculo apartenas al la kontrola konsilantaro de tiu societo.

Multaj kaj nedireblaj estas la meritoj, kiujn Prof. Foerster krom tio akiris ne nur en sia fako, sed ankaŭ sur aliaj gravaj kampoj. Kiel progresulo kaj pioniro de modernaj celadoj, li interesiĝas ankaŭ pri la enkonduko de internacia helplingvo. La esperantistoj scias, ke li estis la honora prezidanto de la bonintence fondita „Delegitaro por enkonduko de internacia helplingvo". Sed pro la konata malnobla konduto de ĝiaj sekretarioj, S-roj Couturat kaj Leau, helpataj de Marquis de Beaufront, li, same kiel la plej multaj aliaj sciencuIoj, eksiĝis el la Delegitaro kaj publike konigis tion en letero, presita en G. E. 1908, p. 138.

Tamen li ne forlasis la ideon pri internacia lingvo, kaj, restante fidela al Esperanto, li nun laboras por la enkonduko de nia lingvo en la kalkuladon, en precizecajn rilatojn kaj sciencon kaj pri la uzado de Esperanto por la mondkalendaro kaj mondotempo. La ideojn, kiujn li havas pri tiu ĉi praktika uzado de komuna mondlingvo, li aŭdigis en grava Paris'a kunveno de la Internacia Scienca Asocio Esperantista, kies prezidanto li nun estas, kaj en la decembra kunveno de la Esperanta Gruparo Berlin. (Vidu la koncernajn raportojn en G. E. 1912 A, p. 188 kaj 1913 A, p. 7.) Ni esperu, ke la altaĝa, sed ankoraŭ tre vigla scienculo baldaŭ povos realigi siajn gravajn ideojn kaj atingi la altajn celojn por la bono de la tutmonda homaro.

* * *

Okaze de sia 80a naskiĝtago Prof. Foerster ricevis gratulojn kaj bondezirojn el la tuta mondo. Ankaŭ multaj esperantistoj estis inter la gratulantoj, interalie nia germana asocio, la gruparo de Berlin kaj la eldonejo kaj redakcio de G. E. sendis al li telegrafe siajn varmajn kaj korajn bondezirojn.

La oficiala soleno de la jubileo de Foerster estis la 30an de Decembro pasinta en la urba domo de Berlin, okaze de parolado de la eminentulo pri „La rememoraro de la homaro". La grandan ĉambregon de l' urba domo pleniĝis feste vestita aŭskultantaro, kiu kun granda intereso sekvis la altspiritan paroladon de la jubileulo. Poste sekvis la soleno mem, komenciĝanta per kvarteta kantado kaj prologo, verkita de la fama germana poeto Ludwig Fulda. Kaj tiam parolis la reprezentantoj de la multaj societoj kaj institucioj, kiuj al Prof. Foerster ŝuldas sian ekzistadon, aŭ en kiuj li fervore kunlaboras. La internacia oficejo por mezuroj kaj pezoj en Paris sendis tre afablan gratulleteron. Ankaŭ la esperantistaro estis reprezentata: sekr. reĝa konsilisto Prof. Dro Schmidt-Potsdam legis oficialan gratulleteron de la Internacia Scienca Asocio Esperantista, kaj patentadvokato Schiff, prezidanto de la Berlin'a Gruparo, elparolis al la solenato la bondezirojn de sia gruparo speciale kaj de la germana esperantistaro entute. — Per denova kantado finiĝis la vere inda honorigo de la fama scienculo, kiun ni kun fiero povas kalkuli al niaj anoj. *Eko.*

## Aforismoj.

Kiu en du nigraj okuloj perdis sian paradizon, tiu ĝin povas retrovi en du bluaj.

•

Kia Dia institucio estas la edzeco! Tion asertas ĉiu amanto.

•

La nunaj junaj edzoj serĉas sian edzecan feliĉon tre ofte en fremda familio.

•

La viroj dankas sian feliĉon al Dio, sian malfeliĉon al la virinoj.

*Laŭ germanaj tekstoj trad. Iu.*

## Konkurso.

En antaŭaj konkursoj multaj el niaj legantoj jam montris al ni sian lertecon en la tradukado de donitaj tekstoj nacilingvaj. Sed Esperanto ne nur taŭgas por tradukoj; ĝi, kiel vivanta lingvo, ebligas ankaŭ la verkadon de originalajoj. Kompreneble tio ne estas tiel facila kiel la traduko de jam ekzistantaj artikoloj, rakontoj ktp. Tia originala verkado supozigas certan individuecon de la aŭtoro kaj antaŭ ĉio certan kapablecon pri esprima kaj rakonta manieroj. Tamen ni opinias, ke inter niaj legantoj troviĝas multaj, kiuj ĝoje ekkaptos la okazon, donitan al ili per tiu ĉi konkurso. Ni proponas per ĝi la verkadon de originala proza rakonteto en Esperanto, humora aŭ serioza, laŭ la volo kaj emo de la aŭtoro. Niaj kondiĉoj estas la jenaj:

1. La longeco de la rakonteto estu ĉirkaŭ 300, sed ne pli ol 500 vortoj.

2. La alvenintaj manuskriptoj estos prijuĝataj unuavice laŭ la intereseco de sia enhavo kaj duavice laŭ la stilo. Kompreneble tiuj laboroj havos la plej grandajn ŝancojn, kiuj laŭ ambaŭ rilatoj estas kiel eble plej perfektaj.

3. Oni sendu la manuskriptojn ĝis la 1a de Marto nunjara al nia redaktoro S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wißmannstr. 46. La manuskriptoj devas esti skribitaj *tre legeble* nur sur *unu flanko* de la papero, kaj ĉiu folio havu larĝan marĝenon. La manuskriptoj ne devas porti la nomon de la verkinto, sed nur moton aŭ pseŭdonimon; la nomon kaj adreson oni kunsendu en aparta, fermita koverto, signita per la sama moto aŭ pseŭdonimo.

4. La 3 plej bonaj laboroj estos laŭgrade rekompencataj per libraj premioj en valoro de 5, 3 kaj 2 Sm, kaj la 5 sekvantaj laboroj ricevos libran donacon en valoro de po 1 Sm. La premioj estas elektotaj el la nova katalogo de nia eldonejo Ader & Borel G. m. b. H., Dresden. Se alvenos pli ol 3 tre bonaj laboroj, la ĉefpremioj estos decidataj per lotado. Unu aŭ pli el la 3 plej bonaj verketoj estos publikigataj en „Germana Esperantisto".

5. La nepremiitajn manuskriptojn ni resendos nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo.

*Redakcio de G. E.*

# Por lernantoj kaj komencantoj.

## Sankta Arbogast.

Elzasa legendo.

Sankta Arbogast el Akvitanlando, kiu sidis kiel sesa episkopo de Strassburg en Elzaso sur sia episkopa seĝego, estis amiko kaj bona konsilanto de l' reĝo de l'Frankoj Dagobert IIa.

Ĉasante, Sigbert, la reĝido, kaj lia ĉasisto sekvis la postesignojn de apro en la arbaroj apud Ebersheimmünster (Ebershejmminster). Sigbert hazarde rajdis sola, kiam li renkontis la beston. La ĉevalo ektimis kaj dejetis la rajdanton. Tiu ĉi pende lasis la piedon en la piedingo, kaj la ĉevalo lin tiel grave trafis per la hufo, ke li senkonscie falis teren kaj mortis la sekvantan tagon.

Gravaj kaj profundaj estis la doloro kaj la plendoj de l' gepatroj pri la subita morto de ilia filo, kaj oni konsilis al la reĝo, ke li sendu sciigon al Sta. Arbogast. Ĉi tiu tuj venis, genufleksis apud la kadavro kaj preĝis al la Madono: „Ho ĉiupova Patrino, de kiam Vi naskis la vivon de l' mondo, Vi estas tiel forta, ke Vi ankaŭ povas reveki la knabon je vivo. Plenumu do miajn petegojn, plej feliĉega Virgulino, kaj faru la knabon denove sana kaj forta!"

Kaj ho! la knabo ekvekiĝis je vivo kaj leviĝis en sia mortvestajo. La reĝo, la reĝino kaj la sekvantaro falis al la piedoj de la sanktulo, dankante lin pro la vivo de la infano.

La reĝo volis doni al li ormonerojn kaj juvelojn kiel dankon, sed Sta. Arbogast rifuzis. „Se vi volas danki per agoj," li respondis al la reĝo, „donu la urbon Rufach (Rufah) kun kamparo, arbaro kaj paŝtejo al Nia amata Virgulino de l' katedralo en Strassburg, kiu kaŭzis la miraklon."

La reĝo agis laŭ la konsilo de Arbogast. Longtempe tiu ĉi vivis en paco kaj amo kun Dio.

Sed kiam li fariĝis maljuna kaj malsana, li diris al sia ĉirkaŭantaro: „Sinjoro Kristo estis mortturmentegata kaj enterigata ekster la urbo Jerusalem, sur loko, kie oni punis krimulojn, mi do ankaŭ deziras, ke oni same faru je mi. Kiam mi estos mortinta, enterigu min ekster la urbo Strassburg, apud la pendigilo, kie oni ekzekutas la malbonajn homojn. Tio estas mia lasta volo!"

Dum lia malsaneco malriĉa vidvino sopire deziris paroli kun li pri grava afero.

La episkopo, la gardanto de vidvinoj kaj orfoj, volonte plenumis la deziron de la virino. Ploregante la vidvino rakontis al li, ke oni nejuste kulpigis ŝian filon pri ŝtelo, lin ekzekutis

kaj enteriĝis kiel krimulon sur la monteto apud la pendiĝilo. Nur poste ili trovis la efektivan krimulon, sed la senkulpeco de ŝia filo tamen malkaŝiĝis tro malfrue.

„Mi nun petas Vin, ho sankta Episkopo, ke Vi ordonu, ke la restaĵoj de l' senkulpa ekzekutito estu elteriĝataj kaj enprofundiĝataj en sanktiĝitan teron!"

Sta. Arbogast tiamaniere konsolis la plorantan virinon: „Ne plu ĉagreniĝu kaj ne plu estu en zorgo pro via filo, bona patrino, helpo estu al li, ĉar baldaŭ mi mem kuŝos apud via filo!"

Post du jaroj Sta. Arbogast mortis, en la jaro 668a, kaj laŭ sia volo li estis enteriĝata sur la ekzekuta monteto. Sed poste oni foriĝis la pendiĝilon kaj tie, sur la sama loko, konstruis la kapelon de Sta. Miĥael. Sur la ekzekuta monteto, kiun oni nun nomis Monteto Sta. Miĥael, en la kapelo, ripozis dum multaj jaroj la korpo de l' sanktulo.

Kiam oni poste konstruis la monaĥejon Sta. Arbogast, oni transiĝis liajn korpon kaj restaĵojn en la novan preĝejon Sta. Arbogast. Sed lian kapon Sta. Florentinus donis al la monaĥoj en Sta. Thomas.

*Trad. Charlotte Pulvers, Basel.*

## La steltaleroj.

Estis iam malgranda knabino, kies patro kaj patrino estis mortintaj, kaj kiu estis tiel malriĉa, ke ŝi ne plu havis ĉambreton por loĝi, nek liteton por dormi, kaj fine tute nenion plu ol la vestaĵojn sur la korpo kaj en la mano pecon da pano, kiun kompatemulo estis donacinta al ŝi. Sed ŝi estis bona kaj pia. Kaj ĉar ŝi estis tiel forlasita de la tuta mondo, ŝi iris, konfidante al Dio, sur kampon. Tie renkontis ŝin malriĉa viro, kiu diris: „Ho, donu al mi ion por manĝi, mi estas tiel malsata!" — Ŝi donis al li la tutan pecon da pano kaj diris: „Dio benu ĝin al vi!" kaj iris pluen. Baldaŭ venis infano, kiu plende parolis: „Mia kapo estas tiel malvarma, donacu al mi ion, per kio mi povas ĝin kovri." — Kaj la knabino deprenis sian ĉapon kaj donis ĝin al la infano. Post kiam ŝi denove estis iom irinta, ree venis infano, kiu ne surhavis korsaĵon kaj frostetremis; al tiu ŝi donis la sian; kaj plue alia infano petis pri ŝia robeto, kiun ŝi ankaŭ fordonis. Fine ŝi venis en arbaron kaj jam estis malhele, kiam ankoraŭ infano venis kaj petis pri ĉemizeto, kaj la pia knabino pensis: „Estas malhela nokto, neniu vidas cin, pro tio ci ja povas ankoraŭ fordoni cian ĉemizon", kaj ŝi demetis la ĉemizon kaj fordonis ankaŭ ĝin. Kaj kiam ŝi tiel staris kaj tute nenion plu havis, subite la steloj falis de sur la ĉielo kaj estis ĉiuj malmolaj, brilantaj taleroj, kaj kvankam ŝi estis fordoninta sian ĉemizeton, ŝi tamen surhavis novan, kiu estis el plej delikata tolo. En ĝin ŝi kolektis la talerojn kaj estis riĉa por sia tuta vivo.

## Korespondo.

### Invito al vojaĝo.

Berlin, la 1an de Majo 19..

Kara Roberto,

Mi intencas veturi proksiman dimanĉon pro familiaj aferoj al Dresden. Ĉu vi povus min akompani? Mia afero okupos min ne pli longe ol unu horon, tial ni havos sufiĉe da tempo, por amuzi nin. Dresden estas bela urbo, kie ekzistas multe da vidindaĵoj. Se la vetero estos bela, ni supozeble havos agrablan tagon. Bonvolu sciigi al mi, ĉu vi venos kun mi aŭ ne.

Kun kora saluto

via

Francisko.

*

### Respondo.

Friedenau, la 2an de Majo 19..

Kara Francisko,

Ĉar mi intencas veturi proksiman dimanĉon kun kelkaj amikoj al Potsdam, mi ne povas akcepti vian afablan inviton, akompani vin al Dresden. Mi tre bedaŭras, ke mi ne povas sekvi vian proponon.

Kun afabla saluto

sincere via

Robert.

## Dialogo.

### La familio.

Bonan tagon, sinjoro, kiel vi fartas?

Dankon, sinjoro, mi fartas bone. Kiel fartas viaj gepatroj?

Mia patro fartas bone, sed mia patrino estas iom malsaneta.

Je kio ŝi suferas?

Ŝi malvarmumis.

Ĉu sinjoro via frato estas hejme?

Ne, sinjoro, li foriris.

Kie estas fraŭlino via fratino?

Ŝi iris por viziti siajn onklinon kaj kuzinojn.

Ĉu ŝi baldaŭ revenos?

Mi kredas, ke jes.
Ĉu la familio de via onklo estas granda?
Li havas kvar filojn kaj du filinojn. —
Bonan vesperon, Johano!
Ĝis revido! Adiaŭ!

## Humoraĵoj.

**En lernejo por infanetoj.** Aŭdu Paŭĉjo, se via patro donas al vi du pomojn kaj via patrino ankaŭ donas du, kiom da pomoj vi havas?
Mi havas, . . . mi havas sufiĉe.

•

Vi scias Henriko, ke mi malpermesis al vi, iri al Viktoro, kiu estas malbone edukita infano.
— Ho panjo, mi ne iros, mi promesas, sed Viktoro povas veni al mi, ĉar mi estas bone edukita, ĉu ne?

•

**Praktika virino.** Sinjorino: Mi aĉetos tiun ĉi ĉapelon por dudek kvin kronoj.
Sinjoro (mallaŭte): Sed, mia kara, mi havas nur dudek kronojn ĉe mi.
Sinjorino: Tiam estas alia afero; ĉar vi tamen devas fari ŝuldon, mi prenas la alian ĉapelon por tridek kronoj.

# El la vivo kaj sciencoj

### Bona konsilo.

**Esploru tuj la kaŭzon de frapanta odoro.**

La naturo donis al ni la nazon kiel avertanton, kaj tial ni ankaŭ devas atenti ties rimarkigojn. Kiu tuj esploras la kaŭzon de brul- aŭ gassimila odoro, povas deteni de si kaj siaj proksimuloj nedireblan malfeliĉon. La nazo igas nin ekkoni malboniĝintan nutraĵon pli bone ol la okulo. Kiu provas serĉi la kaŭzon de frapanta odoro, povas deteni per tio oftokaze malbonaĵon de si, sia familio, sia loĝejo aŭ almenaŭ konstati la danĝeron kaj forigi ĝin.

*S-ino E. Krause, Berlin.*
*Laŭ „Allgemeiner Wegweiser".*

### La patro de la kinematografio.

Kiel antaŭulon de la kinematografo ni sendube devas rigardi la zoetropon, tiun bone konatan malnovan ludilon por infanoj, kiu konsistis el kartona cilindro, turniĝanta ĉirkaŭ sia staranta akso. La internan periferion de tiu aparato oni kovris per paperstrio, sur kiu vico da ombraj aŭ multkoloraj bildoj estis aranĝitaj tiel, ke ili ĉe rapida turniĝo ŝajnigis moviĝantan objekton, ekz. saltantan homon, du luktantojn, kurantan hundon k. a. La bildoj estis rigardataj tra fendovico, aranĝita en la supra duono de la turniĝanta cilindro. Oni faris la zoetropon ankaŭ en formo de rado, nur ke oni tiam devis rigardi la bildon tra la fendovico en malgranda spegulo. Sed la bildoj de la zoetropo estis, ĉar oni tiam ankoraŭ ne estis perfektiĝinta la momentfotografadon, nur desegnaĵoj kaj en multnombraj okazoj tute ne laŭnaturaj.

Jam ofte estas disputite pri tio, al kiu apartenas la merito, unue esti montranta movon pere de fotografado, do esti la efektiva patro de la kinematografio. Se oni povas kredi la sciigon de angla gazeto, tio ŝajnas esti la anglo Edward Muybridge, kiu en la kvardekaj jaroj de l'pasinta jarcento elmigris de Kingston-on-Thames al Kalifornio. La unua moviĝanta bildo, kiun li faris, estis la rezultato de veto inter lia superulo, la tiama guberniestro de Kalifornio Leland Stanford, kaj unu el ties amikoj. Ili vetis, ĉu ĉevalo dum kurado povas samtempe teni en la aero ĉiujn kvar piedojn. Por juĝi pri la demando, Muybridge estis alvokata kiel kompetentulo, kaj li decidis praktike plenumi ĉi tiun juĝon. Li starigis 24 fotografajn aparatojn en unu vico tiel, ke ĉiu movo de ĉevalo kaj rajdanto devis esti fotografata, kaj ke la ĉevalo mem devis malfermi la obturatorojn de la aparatoj per disŝiro de fadenoj. Tiamaniere ekestis vico da bildoj, sur kiuj ĉiu movo de la ĉevalo estas videbla, kaj la bildoj montris, ke ĉevalo, escepte ĉe salto, neniam havas ĉiujn kvar piedojn samtempe en la aero.

Por redoni la movon, Muybridge metis la bildovicon en zoetropon. Poste li ankaŭ sukcesis, projekcii la bildojn sur ekrano, sur kiu ja estis videblaj la movoj de la ĉevalo, sed neniu fono. Tio okazis antaŭ la enkonduko de la fleksebla filmo en la fotografadon, sed Muybridge ankoraŭ ĝisvivis la mirindan disvolviĝon de la kinematografio. Li mortis en la jaro 1904 en Anglujo. La fotografaĵojn kaj parton de la aparatoj, kiujn li uzis ĉe siaj eksperimentoj, li postlasis al siaj amikoj.

### Aliŝajnigaj artistoj inter la bestoj.

La zoologo diras al ni, ke multaj insektoj aliŝajnigas sin kaj erarigas sian persekutanton, kiam ili troviĝas en danĝero. Ankaŭ inter la pli alte organizitaj bestoj, precipe inter la mambestoj kaj birdoj, ekzistas multaj aliŝajnigaj artistoj. Arbaristo rakontis, ke lia ĉashundo

pli ol unu fojon trompis lin per boja sciigo pri imaĝita, do tute ne ĉeestanta ĉasajo, kiam la mastro volis ekiri laŭ alia direkto ol la hundo. Ŝafistoj observis, kiel lupoparo en tre ruza maniero ŝtelis belan ŝafon el la aro. Nome la lupino okupis la ŝafiston kaj lian hundon. Dum ambaŭ provas fortimiĝi la lupinon kaj persekuti ĝin, la lupo rabas la ŝafon. Kiu posedas papagon, certe jam ofte spertis, ke la besto, kiam ĝi estas sola en la ĉambro, subite akre ekkrias, kvazaŭ ĝi estus en danĝero. Oni alrapidas, pensante, ke katino kaptis la birdon. Sed se oni alproksimiĝas, oni vidas, ke al la papago nenio okazis. Ĝi nur ŝajnigis tion, ĉar ĝi ne ŝatis esti sola! Lertaj aliŝajnigaj artistoj estas plue elefantoj kaj simioj. Naturesploristo posedis simion, kiun li foje ekkaptis ĉe tio, kiel ĝi ŝtelis ovojn el kokina nesto. La simio tute precize sciis, ke la kokino, kiam ĝi klukis, ankaŭ eligis ovon. Do la simio precize atentis tion, kuris tiam al la nesto, ŝtelis la ovon kaj manĝis ĝin. Iun tagon ĝia mastro staris en embusko, kiam kokino forte klukis. Li vidis, kiel la simio elserĉis la neston kaj volis ŝteli la ovon. Tiam la eisploristo subite eliris el sia kaŝejo, kaj la simo vidis sin kaptita. Tio estis al ĝi tre malagrabla. Sed ĝi ne konsterniĝis sin, sed alprenis senzorgan teniĝon, faris malsaĝan, indiferentan vizaĝon kaj provis ĉiamaniere malatentiĝi sian mastron, do lin erariĝi pri la malhelpita ŝtelo.

## La elpenso de la kudromaŝino.

Ĝenerale oni konsideras la kudromaŝinon kiel amerikan elpensajon. Sed tio estas nepre malĝusta. Kiu vizitas la metian muzeon de Paris, kie estas stariĝitaj la modeloj de patentitaj eltrovajoj, tiu trovas tie la unuan kudromaŝinon, konstruitan laŭ la nun ĉie akceptitaj principoj. Barthelemy Thimonnier, malriĉa tajloro el St. Etienne, estas la elpensinto de tiu maŝino, kaj ĝi devenas el la jaro 1830. Jam pli frue oni ja provis solvi la problemon per maŝinoj, kiuj imitas la movojn de la mano ĉe la kudrado, sed estis vane. Thimonnier jam sukcesis fari per sia maŝino 100 stebojn dum unu minuto. Kompreneble, kiel ĉiuj elpensintoj, li estis persekutata de malfeliĉo; tajloraj helpantoj, kiuj kredis sin minacataj per la maŝino en sia profesio, atingis, ke la unua laborejo de Thimonnier, en kiu troviĝis 80 maŝinoj, estis elrabata. Per tio ne senkuraĝigita, Thimonnier konstruis en 1842 la unuan maŝinon kun glitbobeno kaj en 1848 la unuan ĉenmaŝinon, kiu atingis 300 stebojn dum unu minuto. Sed la konkurantoj ekokupis ĉi tiun elpensajon, kaj Thimonnier mortis la 5an de Aŭgusto 1857 en la malriĉulejo de Amplequis.

## Malgrandaj sciindaĵoj.

James Watt estis inspirata al la elpenso de la vapormaŝino per la rigardo de tekaldrono, en kiu troviĝis bolanta akvo.

•

En Ĥinujo valoras kiel ŝatata kuracilo lacertoj, kiuj estas sekiĝitaj kaj zorge surpikitaj sur bambuajn bastonojn. Oni nur bezonas porti ilin ĉe si, „por esti liberiĝata de ĉiu doloro".

•

Estas preskaŭ maleble, stari kun plene kovritaj okuloj kvin minutojn, ne movante la piedojn. La plej multaj homoj atingas ĉe tio eĉ ne tri minutojn.

•

En la ŝtato New Jersey (Usono) ekzistas leĝo, kiu impostiĝas barbojn. La takso komencigas ĉe la lipharoj, kiuj kostas 10 Sm pojare, kaj ĝi iras ĝis la „Henriko Kvara", por kiu oni postulas 100 Sm.

# Lingvaj demandoj

## Skiza gramatiko kaj sintakso de Esperanto.

### 1. Vortoj.

Verbo ni nomas vorton, kiu esprimas agon, aŭ staton limiĝitan al certa tempo aŭ rilatantan al certaj personoj aŭ objektoj eksteraj.

Nomo ni povas diri vorton, kiu estas la kaŭzanto aŭ suferanto de ago, la posedanto de kvalito. Al la nomoj apartenas la substantivo (por ĉiam difinita) kaj la pronomo (okaze difinita).

Adjektivo ni nomas vorton, kiu signas en nomo estantan aŭ al ĝi per cirkonstancoj donitan, tempe ne difinatan econ.

Adverbo ni diras vorton, kiu esprimas cirkonstancojn fizikajn aŭ ideajn, inter kiuj okazas, troviĝas io.

Ligiloj. Tiel ni povas nomi la prepozicion, kiu ligas, rilatigas nomon, kaj la konjunkcion, kiu ligas frazojn, kompletajn aŭ mallongiĝitajn. Fine mi povas citi la interjekcion, kiu anstataŭas tutan frazon, kaj sekve staras ekster la strukturo de l' entenanta frazo.

### 2. Frazoj kaj frazopartoj.

Ĉeffrazo ni nomas vicon da vortoj, kiu esprimas plenan penson. Antaŭ ĉio ĝi konsistas el verbo: *Pluvas. Frostis. Degelos.* — Dua kutima parto de frazo estas ĝia subjekto: *Homo* venas. — Tria parto povas esti la komplemento: Pluvas *forte* (= kun forto). Homo *nun* (= dum la nuna momento) venas. Ĉasisto pafas *al leporo* (leporon). Li batas *ŝin* (je ŝi).

Ĉefparto de frazo mi diris la verbon. Ĝi esprimas la tempon de l' okazo, *-as, -is, -os,* ĝian kondiĉ-

econ, *-us*, aŭ ĝian deziratecon aŭ devatecon, *-u*. — Volante esprimi nur la ideon de l' verbo, sen iu el la supraj signifoj, ni uzas la nedifinitan formon, nomatan infinitivo, *-i*. En la frazkonstruo ĝi servas nur kiel mallongiĝo de subfrazoj samsubjektaj, kie la supraj precizigoj ne estas necesaj. — Apartan atenton meritas la ligverbo *esti*, kiu servas nur por tempa kaj moda kunligo de du vortoj, pri kiuj ni volas konstati, ke ili kunapartenas laŭsence: Homo *estas* terano. Homo *estas* pekema. Dio *estas* ĉiele. Ludi *estas* agrable. — Kiel ni do vidas, la ĉefparto de frazo estas ĉiam verbo, kun la finaĵo *-s* aŭ *-u*.

La duan ĉefrolon okupas la subjekto. Subjekto de frazo povas esti substantivo, pronomo, aŭ kiu ajn alia vorto uzata substantive, t. e. individue, memstare. *Arbo* kreskas. *Beleco* allogas. *Viro* marŝas. *Hundo* bojas. *Fantazio* beliĝas. *Forto* efikas. *Li* venis. Kiu *persono* murmuras? *Neniu* parolis. Ĉu *ili* alvenis? *Ambaŭ* ĉeestas. *Bona* estas adjektivo. *Morti* estas nia destino. *Rapidu* estas ordono. *Preskaŭ* estas ne pli ol [estas] *neniom*.

Ĉiu vorto uzata substantive povas ricevi al si precizigilon, kiu donas esprimon pri ĝia kvalito aŭ ne tempe difinata eco, kaŭzita de iu cirkonstanco, do adjektivon. Se ni parolas pri aĝo farata de aŭ al tiu vorto, kaj apude konstatas pri ĝi la diritan econ, ni apudmetas la adjektivon (atributo), kaj ĝi akordiĝas kun sia nomvorto laŭ ĉiuj almetataj signoj deklinaciaj: La *bona* patrino kudras. Mi vidis *belan* hund*on*. *Agrablajn* festo*jn* mi deziras. *Ĉiuj* gasto*j* foriris. — Se ni ne volas paroli pri aĝo de l' subjekto, sed nur konstati, ke ĝi estas io aŭ ia, do ke certa kvalito aŭ speco rilatas al ĝi, troviĝas en ĝi, ni uzas la jam cititan ligverbon. Li *estas diligenta*. Patro *estas bonulo*. — Tia adjektivo aŭ substantivo post la interligilo *estas*, la tielnomata predikato atributa, ankaŭ akordiĝas per la multnombra signo *-j*: *Ĉiuj* estas mortem*aj*. *Ni* [laŭsence multnombra] estas hom*oj*.

La gramatika signo de la vortoj servantaj subjekte estas: por substantivo *-o* (ĉe propraj nomoj granda komenclitero); ĉe personaj pronomoj unusilabeco kun finvokalo *i*, kaj la resuma *ili*. Plue okazas tre ofte, ke ĉe kunigo, konsistanta el ĝenerala substantivo *(homo, estaĵo, persono)* kaj adjektivo, oni forlasas la substantivon kiel superfluan. Tiam la adjektivo transprenas tute la substantivan rolon. — La adjektivoj estas signataj per *-a (bona, homa, ligna, nia, dua, kia)* kaj en la korelativa serio per *-u (tiu)*. Speciale tiuj lastaj estas tre ofte uzataj sen substantivo, tial oni eĉ povus ilin konsideri pronomoj, kvankam ili devenas de la formo *-u homo, -u persono*. Fundamentaj, sekve ne deklinacieblaj adjektivoj estas sekvantaj: *la, ambaŭ, mem*. Same nefleksieblaj (ĉar sen nomo ili estas sensencaj, kaj la nombrecon ili mem esprimas) estas la nombroj fundamentaj. Ŝajnan escepton faras *unu*, deklinaciebla, se ĝi ne estas nombro, sed pronomo: La *unujn* li lasis, la aliajn li kunportis. — Fine ankoraŭ la korelativa serio kun *-es*, kiu estas la poseda genitivo de l' serio *-u*, same kiel la adjektiva formo de l' personaj pronomoj *(kiu — mi, kies — mia)*. Substantivoj formitaj per *-o* kaj adjektivoj formitaj per *-a* kaj *-u* ricevas en multnombro la signon *-j*.

Per tio mi finis la pritrakton de l' verbo, substantivo kaj adjektivo, kaj ilian rolon en la frazo. Nun venas la tria, plej ofta kaj plej diversa parto de l' frazo, la komplemento. *(Finota).*

## Korekto.

En respondo 11a, publikiĝita en numero 11 B 1912, bedaŭrinde troviĝas preseraro, tuj ekkonebla per atenta tralego de la koncerna frazo. Nome, sur paĝo 165 maldekstre la unua vorto en linio 12a ne devas esti „nun" sed „*unu*".

# = Por kolektantoj =

## Katalogo pri Esperantaj sigelmarkoj.

**Mallongiĝoj:** E: eldonita; A: aĉetebla ĉe; F: formato; Gr: grandeco de l' bildo (horizontale × vertikale); Pp: papero; Pr: prezo po 100 pecoj; Ss: subspeco aŭ vario; T: teksto; d, md: dekstre, maldekstre; pf: perforita (dentita); s, ms: supre, malsupre.

## A. Kongresaj markoj.

**I. Universalaj kongresoj.**

**1906.**

E: Komitato de la IIa Universala kongreso en Ĝenevo. A: ne plu havebla. Vidaĵo de Ĝenevo kun (s md) la Esperantostelo. T ms: IIa Universala Kongreso de Esperanto Ĝenevo. 28. Aŭgusto — 6. Septembro 1906. Reliefe presita sur blanka Pp. F: rektangula. Gr: 47×27 mm, tranĉita.

1. Verda sur flava fundo.
2. Ruĝa sur verda fundo.
3. Ruĝa sur blanka fundo.
4. Blua sur rozkolora fundo.

**1907.**

E: La Trio por la Tria. A: H. B. Mudie, London W., 77 Kensington Garden square. Pr: 0,700 Sm. La ponto de la kolegio St. Johano en Cambridge, rando el Esp. steloj. T s: Tria Universala Esperanta Kongreso, ms: Cambridge, Aŭg. 10—17, 1907. Bildo nigra, T kaj steloj koloraj, Pp blanka. F: rektangula, Gr (inter la steloj) 35×23 mm, pf 14.

5. Nigra kaj verda.
6. Nigra kaj ruĝa.

**1908.**

E: La Kvaro por la Kvara. A: Dr. Arnhold, Dresden, Waisenhausstr. 20. Pr. 0,250 Sm. T seslinia blanka sur nigra fundo: IV. Internacia Esperantista Kongreso Dresden 16.—22. Aŭg. 1908; ms 2 verdaj steloj, kadro el punktoj, d md ornamaĵoj flavverdaj. Pp blanka. F: rektangula. Gr (de la tuta marko): 46×33 mm, pf 11 ½.

7. Nigra, flavverda, blanka.

Ss: 7a. Gr: 48×34 mm. Kadro, steloj, ornamaĵoj smeraldverda.

7b. Same kiel 7a. La verda koloro iom pli malhela, videbla sur la dorsa flanko de la marko. *(Daŭrigota.)*

# Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestraße 40.
*(La montritaj prezoj ne entenas la sendkostojn.)*

Recenzoj pri duoble ricevitaj verkoj aperas ĝenerale nur en Eldono B.

***Plena Klasika Libro de Esperanto.** (Oficialaj Dokumentoj, Oficiala Gramatiko, Oficiala Radikaro kun franca, angla kaj germana tradukoj). Ordiĝita kaj kontrolita de Th. Cart kaj Em. Robert. — Presa Esperantista Societo, Paris. Prezo: Kun eleganta, fleksebla tolbindaĵo 0.500 Sm., la sama en firma kartona ingo 0.625 Sm. [41

Ĉiuj pensantaj esperantistoj konscias la gravecon de nia Fundamento; ili do ĝoje salutos, ke la ĉefpartoj de la Fundamento: la 16 reguloj kaj U. V., kune kun la vortoj krome troveblaj en Antaŭparolo kaj Ekzercaro, kaj la radikoj de Unua Oficiala Aldono, aperis nun en unu libreto, kaj en formo ebliganta, ke oni ĉiam kunportu la verketon en sia veŝtpoŝo. Tial mi tute ne bezonas laŭdi la libreton; anstataŭ tio mi klopodos, per kiel eble plej detala analizo atentigi pri ĉiu ĝia parteto, por tiel igi ĝin fidinda helpilo.

La dek ses reguloj estas laŭvorte represitaj, dum la vortaro precize konservas la sencon de la radikoj, konkludeblan el la kvinlingva traduko en U. V. kaj O. A., kaj laŭ tiu senco ĝi donas kiel eble plej taŭgajn tradukojn en lingvoj franca, angla kaj germana. Mi ne volas forpreni la laboron de l'anglaj kaj francaj recenzantoj, mi ankaŭ ne sentas min sufiĉe kompetenta, fari kritikojn pri tiuj tradukoj, kaj sekve mi parolos nur pri la germanaj. — Ĉe verko plilingva, kie do kelkaj lingvoj por la presisto nepre estas fremdaj, same kiel por la verkantoj, absoluta senerareco kompreneble ne estas atingebla; sed relative la libreto estas perfekta. Kio rilatas la radikojn mem, mi rimarkis sekvantajn aferojn: sur p. 75, post la lasta linio elfalis, verŝajne ĉe la enpaĝigo, la radiko *kast'*, apartenanta al O. A. Rilate la signadon de la radikoj kiel apartenantaj al U. V. kaj O. A. mi ne tute konsentas sekvantan aferon: la radikojn troveblajn en la Fundamento, sed ne en U. V. kaj O. A. oni signis kiel Fundamento-vortojn; bone! Sed same meritas tion la vortoj de la Fundamento, kiujn oni poste (interesa afero) speciale oficialiĝis. Jen ilia listo: *absolut', adres', aŭtoritat', centim', centr', diplomati' (?), doktor', dokument', energi', fi', fizik', fotograf', hebre', ide', instituci', jurist', kompetent', kongres', kontrol', kopek', material', metr', naiv', oficial', paralel', patent', pfenig', prefiks', princip', rezultat', sankci', sofism', sufiks', teatr', teori', zoologi'*. Pri *diplomati'* la afero estas iom komplikita; ĝi troviĝas en Ekz., kaj sekve meritus dikan preson; sed tre malklara noto de O. A. permesas konsideri ĝin ties radiko, dum ĝia antaŭparolo ŝajnas opinii la radikon ne oficialiĝita. En Klasika Libro ĝi staras kiel O. A.-vorto; plej facila solvo estus, konsideri ĉiujn ĉi tiujn radikojn fundamentaj, ne rigardante, ĉu oni poste oficialiĝis ilin aŭ ne. Duba estas fine la demando pri *antropolog'* kaj *agronom'*; tiujn du radikojn citas la aludita noto de O. A.; nome ĉe *astrolog', astrologi'* staras: „([1]) same agronomo, antropologo ktp."; Klasika Libro enhavas tiujn du radikojn, sed ne la ceterajn, entenatajn en tiu tre preciza „ktp."; tiel ne entroviĝas *biolog', dinast', ekonom', etiolog', geograf', geolog', geometr', grafolog', homeopat', komed', mitolog', ortograf', traged', zoolog'*. Kiel reira sekvo de tiu noto enestas kiel O. A.-vorto la jam citita *diplomati'*, sed ne *litografi', telefoni', telegrafi'*. Pri la vortoj de U. V., kiujn ankaŭ povas koncerni tiu klasika noto, mi ne volas paroli. — Ĉion ĉi tion mi absolute ne volis citi al K. L. kiel riproĉon, nur por montri, kiel malfacila estis la tasko, komplete kaj senerare kunmeti ĉiujn niajn oficialajn radikojn. (En Oficiala Radikaro de Boirac mankas *tonsuro*, kaj tute ne ekzistas alfabeta vico; kompreneble ankaŭ mankas *arĥaism', ĉial, ĉies, ĉiom, diplomati'* ktp.)

Pri la germana parto mi ankaŭ dezirus detale raporti, sed ne sufiĉas la loko; kiu interesiĝas pri tio, al tiu mi volonte sendos la liston de ĉiuj vortoj, ĉe kiuj mi ŝatus ian aldonon aŭ ŝanĝon. Ĉi tie mi prenos kelkajn literojn, ekz. e, f, g, ĝ, kaj notos ĉiun rimarkon: *emulsi'* forstreku *Samenmilch; estim'* anst. *preisen* metu *hochschätzen; fajenc'* anst. *Irdengeschirr* m. *Halbporzellan; frakas'* almetu *zertrümmern; glu'* almetu *ankleben; ĝem'* almetu *seufzen;* ktp. — Plue, ĉar en tia libro eĉ la presaj aŭ ortografiaj eraroj devas esti forigataj, mi notis la vortojn, ĉe kiuj mi rimarkis ion tian; la plenan liston mi same kiel tiun de l' sencaj korektoj volonte disponigas, ĉi tie sufiĉu kelkaj, jam ĝustigitaj ekzemploj, kun substreko de l' erara parto: . . . . . Fernglas, Madon**na**, Masti**x**, offiziel**l**, Sauerampfer, **P**atrouille, Präfe**k**t, Nu**t-z**en k. a. s. Fine mi volas esprimi la deziron, ke en dua, kiel eble baldaŭ aperonta eldono oni ankaŭ anstataŭigu la **ss** per la nun ekskluzive oficiala **ß**, kompreneble en la koncernataj okazoj.

Konsiderante la malfacilecon de l' tasko, ni povas admiri, ke la libreto estas tiel perfekta. La ne tute klaraj aŭ precizaj tradukoj de l' Fundamento estas anstataŭigitaj per bonaj, la alfabeta vico estas absolute senerara, kaj en la franca kaj angla tradukoj preskaŭ ne troviĝas kritikeblajoj. Pri la eksterajo mi nur diru, ke ĝi estas bonege presita sur bona papero, kaj taŭge bindita por ĉiama portado, kion ankoraŭ pli favoras la kartona kovrilo alricevebla.

*Lr.*

*

***Tatterley,** la historio de mortinto. Verkita de Tom. Gallon. Tradukita el la angla lingvo de Andrew Wilson. — British Esperanto Association, London. 0.850 Sm. [10

Jen interesa kaj bonstila libro, kiun oni povas rekomendi. Riĉa strangulo profitas la morton de sia servisto Tatterley, kiu tre similis al li, por ekscii, kion liaj heredantoj pensas kaj parolas pri li. Li ludas la rolon de Tatterley kaj ekkonas tiam — tro malfrue — la veran karakteron de siaj parencoj. Per la amo de juna paro la severa, hommalamanta strangulo ree trovas ĝojon kaj feliĉon en la zorgo pri aliaj. — La Esperanta traduko estas bona, la

aŭtoro ofte kaj bone uzas novajn formojn; kelkfoje oni trovas nelertajn aŭ neĝustajn esprimojn, sed feliĉe ili estas tre maloftaj kaj ne limigas la ĝuon ĉe la legado. La aspekto de la libro estas tre plaĉa, papero, presado kaj bindaĵo estas bonaj.

*Kaethe Jahns.*

*

***Gajaj horoj.** Dek du germanaj kantoj esperantigitaj. Eldonis Orientgermana Esperanto-Ligo (Ogelo). — Sola vendado per Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1. 0.125 Sm. [25

Restu, kie kantoj gaje sonas,
Malbonuloj kantojn ja ne konas!

Ĉi tiu devizo valoras ankaŭ por Esperantujo. La esperantistoj estas entute gajaj kaj kantemaj homoj, kaj ju pli ili havas okazon por kanti, des pli bone. Tial ni povas ĝoje saluti ĉiun novan kantaron, ankaŭ ĉi tiun, kiu prezentas al ni bone tradukitan aron da konataj germanaj kantoj ĉiuspecaj. Ĉar ankaŭ ĝia prezo estas malalta, la libreto estu rekomendata al ĉiu kantema samideano.

*F. W.*

*

***Katarino.** Malgranda poemo de T. G. Ŝevĉenko. Tradukis V. N. Devjatnin. (Kolekto de „Lingvo Internacia"). — Presa Esperantista Societo, Paris. 0.125 Sm. [34

Malgrandrusan poemon pri tre malĝoja temo esperantigis V. N. Devjatnin, la aŭtoro de „Plena Verkaro". Ĉar mi ne konas la originalon, mi ne povas juĝi, ĉu la malglata, kontraŭa ritmo de multaj, senregule venantaj linioj respondas al ĝi. Se mi ne konsideras tion, la traduko estas tre bona, facilfluanta, kvazaŭ kantanta la ritmo, simplaj kaj belformaj la frazoj. La poemo estas bona pruvo pri rusa poezio. Nur du liniojn mi volas citi, ĉar troviĝas en ili kutima eraro, malĝusta kunmetado de vorto kun *sen:* La fianĉon vi atendas, kara? Geedziĝon? — Ne, por ĉiam restos vi *senpara!* Do ĝi devas signifi: *sen edzo, nepara* aŭ *needziĝinta.* Se pro la rimo para devas resti, tiam oni diru do: *nepara.* *Kaethe Jahns (E. L. A.).*

*

***Kial Ido en la rolo de Internacia Lingvo ne povas superi la lingvon Esperanto?** De Prof. P. Christaller. — Esperanta Universal-Biblioteko „Riga Stelo", Riga. 0.300 Sm. [12

Ĉu estas necese, speciale rekomendi ĉi tiun verketon? La nomo de la aŭtoro, konata kiel unu el la plej lertaj defendantoj de Esperanto kontraŭ la diroj kaj malĝustaj asertoj de niaj „reformemaj amikoj", estas garantio por la boneco de la verko. Per nepridisputeblaj argumentoj Prof. Christaller pruvas la nesuperecon de Ido rilate al Esperanto, kaj la multaj ekzemploj, kiujn li donas, estas bonega materialo por ĉiu samideano, diskutanta kun idistoj pri lingvaj demandoj. *Eko.*

*

***Titolaro** de Esperantaj verkoj tradukitaj el la **rusa literaturo.** Kunmetita de G. Davidov. Kun antaŭparolo de B. Kotzin. — Eldonis „Esperanta Biblioteko de Georg Davidov en Saratov". Prezo 0.125 Sm. [7

Ĉiu samideano konas la grandan katalogon de Esperantaj verkoj, kiun S-ro Davidov kunmetis kun grandaj zorgo kaj peno. Ĉi tiu kajereto estas kvazaŭ eltiraĵo el la granda verko. Ĝi montras al ni, kiom kaj kion oni jam esperantigis el la rusa literaturo; oni vidas el ĝi, kiaj verkoj el tiu literaturo jam estas superfluaj en nia tradukaro kaj kiaj ankoraŭ mankas. Estus dankinda faro, se ankaŭ por la tradukoj el aliaj lingvoj estus eldonotaj tiaj listoj, kiuj multe helpus niajn tradukantojn precipe ĉe la elekto de taŭgaj verkoj. S-ro Kotzin, la lerta redaktoro de *„Ondo de Esperanto"*, verkis interesan antaŭparolon por la libreto. *Eko.*

*

***La Patrinoj,** rakonto de Avetis Aharonjan. Esperantigis Dro Andreo Fiŝer. (Esperanta Biblioteko „Danubo".) — Editura Esperanto, Bucuresti. 0.125 Sm. [33

Jen tre kortuŝanta rakonto de armena verkisto. Dank' al Esperanto ni ja nun pli kaj pli konatiĝas kun la literaturo de malgrandaj popoloj kaj havas jam kelkajn armenajn verkojn. La nun aperinta libreto rakontas en bona stilo pri patrino, kiu perdis ĉiujn gefilojn krom unu. Ankaŭ tiu ĉi lasta filo forlasas ŝin, kaj dum jaroj ŝi preĝas kaj oferas al Dipatrino por lia reveno, ne sciante, ke la filo jam mortis tuj post la foriro. Neniu volas rabi al ŝi la fidon pri la reveno, fine migrulo senintence malkaŝas al ŝi la malĝojan fakton. — La traduko estas bona kaj la eksteraĵo de la libreto la sama kiel ĉe la du unuaj numeroj de tiu kolekto. Per io la tradukoj de Dro Andreo Fiŝer ĉiam estas rekoneblaj, nome per la granda aro da kunmetaĵoj el vortoj aŭ el radikoj kaj afiksoj. Li ofte iom tro pene serĉas por esprimi ĉion, kaj el tio rezultas formoj kiel: *neplaĉvida, ne senmalutila, pomulfoje, jejuri* (beschwören) k. a. *Tute ektagiĝis* ne estas ebla; aŭ *tute tagiĝis* aŭ *ektagiĝis.* Kelkfoje tiu ĉi emego, kunigi tiom da afiksoj, kaŭzas eĉ, ke la frazoj estas malbone kompreneblaj. Mi ne scias, ĉu la tradukinto scias la germanan lingvon, aŭ ĉu la armena lingvo havas similajn esprimojn kiel tiu; multajn tradukojn mi ne riskus pro timo, ke ili estas germanismoj. Du punktoj ankoraŭ estas atentindaj: unue la ofta uzo de *do* en alia senco ol la fundamenta kaj la kelkfoja fuŝuzo de la *-ita-* kaj *-inta*-formoj. En tio la esperantistaro ankoraŭ tre ofte faras erarojn, sed estas rekomendinde plibonigi ilin, ĉar eraroj sankciitaj de la kutimo tamen estas eraroj kaj forigindaj.

*Kaethe Jahns (E. L. A.)*

*

**Al mia fratineto.** Letero pri la seksvivo; de Felix Ortt. Tradukita de A. Muller. — Eldonejo „Chreestarchia", Soest (Nederlando). 0.400 Sm.

Estas delikata temo, kiun la aŭtoro pritraktas en ĉi tiu libreto. Sed la maniero, per kiu li tion faras, estas tre lerta kaj meritas plenan laŭdon. Tute neniu trograndigo, neniu artifikaĵo estas troveblaj en lia letero, kiun oni senzorge povas doni por legado al maturiĝantaj knabinoj. Ĝuste por tiuj ĉi la libreto estas kvazaŭ ŝirmilo, kiu gardas ilin kontraŭ sinforgeso kaj certaj atakoj. — La traduko estas sufiĉe bona. Efektivajn erarojn mi nur tre malmultajn trovis, sed la esprimmaniero ŝajnas al mi ofte tro holanda. *Eko.*

# Por lertuloj

## Enigmoj kaj problemoj.

### No. 1.

Reĝa promenado.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Se | ne | | | men | ton |
| art | po | vas | kaj | ce | do |
| kon | vi | esti | ron | morte | du |
| vi | stru | isto | al | porta | la |
| an | zu | ĉi | denton | pru | vas |
| hak | ŝto | non | ne | ha | por |
| isto | ŝton | kiel | vi | tio | se |

*J. Münsterer.*

### No. 2.

Krucenigmo.

| | |
|---|---|
| 1 | 2 |
| 3 | 4 |

Anstataŭu la ciferojn, tiel ke estu:

1—2 astro
1—3 kion la infanoj ŝatas
1—4 malamiko de la ombro
2—3 kunkruciĝo
2—4 apartenaĵo de ĉiu
3—2 aĝo
3—4 konstruaĵo
4—2 valoraĵo
4—3 kion ĉiu obeas.

*Jos. Sahler.*

### No. 3.

L' unua ĝaje ludas en sunhelo,
La dua altleviĝas al ĉielo;
La tuto estas de l' homaro celo.

*W. Daum.*

En la venonta numero de eldono B ni publikiĝos la solvojn de la ĉi-supraj problemoj; la legantoj bonvolu sendi la solvojn, **skribitajn nur sur poŝtkarto sen iu alia komuniko,** ĝis la 5a de l' venonta monato al nia redaktoro, **S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59, Wissmannstr. 46.** — Tri el la solvontoj ricevos libropremion, kiun ili povos elekti el la katalogo de nia eldonejo. (Valoro po premio ĝis 1 Sm.)

## Solvoj el la antaŭa kajero.

### No. 31.

Feliĉegan Kristnaskon!

### No. 32.

Kara filo — kariofilo.

### No. 33.

Groŝo — groso.

**Ĝustajn solvojn sendis:**

a) de ĉiuj numeroj: Referendario Arntz, Godesberg; Johannes Bauer, Godesberg; F-ino Käthe Bock, Neukölln; Max Butin, Treuholz (Holstein); F-ino Maria Dreesbach, Godesberg; F-ino Henny Drückhammer, Lübeck; Otto Funke, reĝa provizoficeja inspektoro, Altona (Elbe); S-ino Marie von Ganahl, Kufstein (Tirolo); S-ino Else Große, juĝejkonsilista edzino, Wolkenstein; Carl Handrich, Hellerau-Dresden; Anton Henneberger, Hamburg; Alfred Hönicke, Erfurt; F-ino Elisabeth Höppner, Dersenow bei Brahlstorf; W. Höppner, Rostock (Mecklb.); A. Ivanickij, St. Petersburg (Rusujo); F-ino Margarete Küster, Magdeburg; F-ino Margarete Lachmund, Leisnig; Joh. May, poŝtsekretario, Saarbrücken 3; E. Momber, Oberdollendorf; A. Neitzel, Hannover; Theodor Oster, Godesberg; W. J. Peking, termezuristo, Komotau (Bohemujo); E. Schrape, imp. sup. limdepagrevizoro, Tilsit; F-ino Cäcilie Stein, instruistino, Wittenberg (Halle); F-ino Martha Trötschel, Frankfurt (Oder); Ziemann, juĝejsekretario, Gnesen; Jan Ziermans, Scheveningen (Nederlando); Oswald Zöphel, sekreta sekretario, Dresden.

b) de du numeroj: J. Bacquet, Pihen par Guines (Francujo); S-ino M. Bastoul, Autry-le-Châtel (Francujo); G. N. Farmer, London; G. Habellock, reĝa fervojestro, Breslau; Johann Klinger, i. r. limdepagasistanto, Georgswalde (Bohemujo); Paul Krüger, Dresden; Max Leopold, Rostock (Mecklb.); S-ino Käthe Neitzel, Stettin; Carl Schulz, instruisto, Charlottenburg; Arthur Schulze, Charlottenburg.

c) de unu numero: Alfred Müller, Danzig-Langfuhr; Otto Wirths, kampara leterportisto, Hochdahl.

La premioj estas gajnitaj per loto de:
F-ino Maria Dreesbach, Godesberg; F-ino Margarete Küster, Magdeburg; S-ro juĝejsekretario Ziemann, Gnesen.

La gajnintoj bonvolu sciigi nian eldonejon Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestr. 40, pri la libroj, de ili dezirataj.

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: Friedrich Ellersiek, ambaŭ en Berlin. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden.
Presejo de F. Emil Boden, G. m. b. H., Dresden.